# LA LAMPIRO

55-a jaro N-ro 132 2014:1



## Ĉefartikolo

## José Dias Pinto: Miaj spertoj pri tradukado el Eça de Queirós

Kiel vi povas lerni lingvojn efektive?

Henriko

Sciencaj novaĵoj



Eça de Queirós (ĉ.1882)

**LA LAMPIRO** *55-a jaro n-ro 132 2014:1*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**

(Aperas trifoje dum la jaro)

**Ĉefredaktantoj**: Francisco S. Wechsler (esperanto@fswechsler.com) kaj Paulo S. Viana (psviana@terra.com.br)

**Grafikaranĝo**: Francisco S. Wechsler

*La redaktantoj ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

---

easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**

Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**

Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefono-faksilo: (11) 3862-1183
easp.org.br - contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2014**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro | R$ 120,00 |
| Subtena Membro | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro | R$ 60,00 |
| Aligita Grupano | R$ 36,00 |
| Aliĝinta Grupo | R$ 20,00 |



**Deĵoroj**: lunde: 12h – 16h; marde 9h – 18h; merkrede kaj ĵaŭde: 14h – 18h; vendrede: 14h – 18h; sabate: 9h – 18h.

## ENHAVO

# Enkonduko

Estimataj Gelegantoj:

Ekde la nuna numero ni eldonos la tutan revuon *La Lampiro* kolore. Ĉi tiun decidon motivis du faktoj: unue, preskaŭ ĉiuj anoj de EASP preferas ricevi la elektronikan version de la revuo ol la presitan; due, la aldona kosto por presi ĝin tutan kolore fariĝis relative malalta.

Alia novaĵo estas, ke la revuon ekde nun kunredaktos Francisco S. Wechsler kaj Paulo Sergio Viana.

La ĉi-numeran enhavon malfermas artikolo de Paulo Sergio pri Paulo Setúbal, romanisto, rakontisto, poeto, ĵurnalisto kaj politikisto, naskita en la urbo Tatuio, Sanpaŭlo. Setúbal estis ano de la Brazila Akademio pri Beletro.

Dirce Salles regalas nin per la rakonto *Henriko*, en kiu ŝi traktas rememorojn pri kortuŝa amafero per tre delikata kaj sentimentala maniero.

Paulo Sergio, regula kaj entuziasma frekventanto de kinejoj, recenzas la ĵus lanĉitan filmon *La granda beleco*, kaj diskutas ĝiajn fortajn kaj malfortajn punktojn.

José Dias Pinto detale kaj tre sincere raportas siajn spertojn pri la tradukado de rakontoj de Eça de Queirós. Neniu serioza traduklaboro fluas facile, kaj José montras al ni, kiel li plurfoje stumblis dum sia traduklaboro. Verdire, la riĉa lingvaĵo de ĉi tiu aŭtoro prezentas timigan defion por iu ajn tradukisto.

Paulo Sergio recenzas mirindan krip-ekspozicion nuntempe prezentatan ĉe la Muzeo de Religia Arto, en la urbo Sanpaŭlo. Ni klopodis ilustri ĝin per pluraj belegaj fotoj ĉerpitaj el la retpaĝaro mem de tiu muzeo.

Sekve ni raportas pri belega pup-ekspozicio, kiu okazas ĉiujare en Japanujo. Partoprenas ĝin pupoj el plej diversaj kaj landoj, inkluzive el Brazilo.

Teddy Nee sendis al ni el Indonezio kontribuaĵon pri la lernado de fremdaj lingvoj, kun pluraj proponoj por faciligi la lernoprocezon. Ni aldonis kelkajn komentojn ĉe la fino de lia artikolo.

Sekvas raporteto pri la ĵus okazinta Renkonto de Esperantistoj en la Paraiba Valo. Pluraj prelegoj kaj strata disdonado de flugfolioj pri Esperanto konsistigis ĉi tiun jam tradician eventon.

Ni inkluzivis sciencan raporton pri pluraj interesaj temoj, rilataj al sano, astronomio kaj publikigo de sciencaj artikoloj. Esperinde, ili kontribuos por plivastigi vian kulturon kaj montri, ke Esperanto ne estas nur beletra lingvo.

Fine, du gramatikaj artikoletoj verkitaj de Francisco S. Wechsler pritraktas, respektive, la uzadon de la verboj *sidiĝi* kaj *eksidi* kaj tiun de la vortoj *nul* kaj *nulo*. Motivis la verkadon de ambaŭ artikoloj miskomprenoj ofte troveblaj ĉe nia Esperantistaro pri tiuj vortoj.

Unu plian fojon ni alvokas niajn samideanojn kontribui al nia revuo per ĉiaspecaj artikoloj, beletraĵoj, raportoj, recenzoj ktp.

Bonan legadon!

La ĉefredaktistoj

# Artistoj el Sanpaŭlo: Paulo Setúbal

**Paulo Sergio Viana**

*Paulo Setúbal naskiĝis je la 1-a de januaro 1893, en la urbo Tatuio, en ŝtato San-Paŭlo, kie funkcias muzeo omaĝe al tiu verkisto. Li diplomiĝis kiel juristo en 1914, kaj tiutempe oni jam publikigis lian poezion sur la unua pago de gazeto "A Tarde". Lia unua libro, aperinta en 1920, estis poemaro "Animo Mestiza", kiu furore disvendiĝis. Dum la sekvaj jaroj li verkis kaj publikigis diversajn romanojn, kies fono estis epizodoj de la brazila historio. Li verkis por la ĵurnalo "O Estado de S. Paulo", elektiĝis ŝtata deputito, sed ne povis fini sian mandaton pro ftizo. Li verkis ankaŭ librojn de rakontoj, kronikaĵoj kaj rememoroj, ĉiam kun temoj lokaj kaj tipaj. Li elektiĝis kiel membro de Brazila Akademio de Beletro. Lia stilo estis klasikeca, lia poezio parnasisma. Li mortis je la 4-a de majo 1937.*

*Ĉi tie ni prezentas peceton el lia romano "La Revo pri Smeraldoj".*

## La verda montaro

Ne nur revo pri arĝento altiris aventuristojn kaj malsovaĝigantojn en la densajn arbarojn de la naskiĝanta Brazilo. Ne. Estis krome alia revo. Kaj ankaŭ ĉi tiu estis arda kaj fascina: revo pri smeraldoj. Revo, kiu naskiĝis, same kiel tiu pri arĝento, el fajna, ĉarma legendo, suka legendo naive alportita de indianoj: La Verda Montaro. Jes, la Verda Montaro! La Montaro el Smeraldoj! "… alvenis el la Internlando iuj indianoj, kiuj sciigis pri verdaj ŝtonoj en montaro. Kaj ili alportis kelkajn el tiuj ŝtonoj kiel ekzemplerojn, kaj ili estis smeraldoj. Kaj tiuj samaj indianoj diris, ke da tiaj smeraldoj troviĝas multaj; kaj ke tiu tre bela, hela montaro…" rakontas la maljuna Gandavo. Kaj kune kun la maljuna Gandavo, ĉiuj, kiuj, ĉe la aŭroro de Brazilo kontaktis kun la lando de inkoligno, ĉiuj aŭskultis el la buŝo de sovaĝuloj tiujn samajn tentantajn sciigojn pri la verda montaro, la sorĉa verda montaro, bela kaj hela. "… la indianoj diras, ke en la internlando troviĝas verdaj ŝtonoj, tre helaj", informas antikva dokumento. "Kaj en la direkto al okcidento, je iom pli ol unu leŭgo, staras montaro, kiu nutras en si multe da smeraldoj".



# Henriko



**Dirce Sales**

Ĉe la enirhalo de la domo de onklino Viturina ekzistis loko speciale konstruita kaj adaptita por ia tute neordinara figuro de granda sentimentala valoro por ŝi.

Temas pri pluvombrelo, kiun ŝi, tre sprita, per farboj kaj penikoj, provizis per mieno tiel amuza, ke estis neeble ne ridi antaŭ tiu unika figuro.

Ŝi donis al ĝi amuzan vizaĝon, kun unu okulo ŝajniganta palpebrumon kaj unu buŝangulo levita, akompananta la movon de la palpebrumo, dum la alia okulo, malfermegita, kun tro longaj haroj, krom la malsamnivelaj brovoj, donis al tiu estulo aspekton absolute eksterordinaran.

> — *Scusami, ragazza!*
> — Ve, la afero komplikiĝas!

Ŝi nomis ĝin Henriko.

La papiliforma kravateto, lunoj, steloj kaj koroj pendis de la ombrelaj pintoj kaj faris ĝin vere ĉarma!

Kaj onklino Viturina neniam laciĝis ripetadi tre bonhumore al ĉiuj, kiuj emis ĝui la aŭskultadon, la rememoraĵojn pri sia pluvombrelo...

En printempa posttagmezo, kiam la temperaturo estis sufiĉe varma, se oni konsideras la sezonon, subite alvenis forta ventoblovado kaj neatendita pluvo, kio devigis ŝin trairi la straton kaj serĉi ŝirmon sub markezo. Ĉe la trairado, ŝin frapegis pluvombrelo, kiu pro timo preskaŭ mortigis ŝin!

Malantaŭ tiu objekto troviĝis Viktorio, tre blankhaŭta italo, kun esprimoplenaj okuloj kaj tiel ĉarma rideto, ke onklino Viturina emis brakumi lin, sed efektive estis li, kiu ĉirkaŭbrakis ŝin preskaŭ tutan, ĉar ŝi estis etstatura, kaj eĉ sur plej alta kalkanumo ŝi ne povus atingi la ŝultron de la junulo.

— *Scusami, ragazza*!

— Ve! La afero komplikiĝas!

— Pardonu min, fraŭlino! — Kaj per sia italeca portugala lingvo, li insiste petegis pardonon, ĉar li timis, ke li vundis tiun etulinon — *piccola mia* — laŭ lia karesema kromnomado.

De tiu speciala renkonto al geedziĝo ĉio rapide okazis, kaj same rapide ili ekhavis la ideon transformi la pluvombrelon en simbolon de granda harmonio inter iliaj enamiĝintaj koroj.

Por la Tago de Infanoj, onklino Viturina preparadis dolĉaĵojn, bombonojn, etajn divenludojn, libretojn, kaj ilin metis en kolorajn saketojn sub la pluvombrelon, kaj ili fariĝis la ĉefa allogaĵo por tiuj koretoj avidaj je revoj kaj amemo.

Unu tagon, onklino Viturina aŭdis plendon de infano:

— Ho, bedaŭrinde ĝi ne parolas...

Kaj tiam la aminda sinjorino ekhavis brilan ideon! Ŝi petis, ke Viktorio, kiu posedis belan voĉon, sone registru iujn rakontojn, tute pitoreskajn rakontojn,

kaj ŝi, kaŝinte la magnetofonon post Henriko, proponis al la infanoj magiajn momentojn, kiam ili atente aŭskultis plej diversajn historiojn rakontatajn de pluvombrelo, kiuj ĉiam komenciĝis ĉi tiel:

— Saluton! Mi estas Henriko. Kaj vi, kiu vi estas?

Tiam oni paŭzis, la infanoj respondis, kaj ĝi plu diradis… la hodiaŭan rakonton, kiu fakte okazas, en tre fora lando… kaj ĝi rakontadis tiel ĉarme, ke eĉ Silento petis permeson por aŭskulti, ankaŭ!

Kaj tiam, kiam Viktorio forvojaĝis inter la stelojn, onklino Viturina plu daŭrigis la ĝojigadon de infanoj kaj de si mem, per sia Henriko, kiu konservis ŝiajn rememoraĵojn kaj la ĉarman voĉon de tiu, kiu posedis ŝian koron.

*(Esperantigis Paulo S. Viana.)*

## Ĉu *nul* aŭ *nulo*?

Motivis ĉi tiun artikoleton la jena demando: kiel esprimi en nia lingvo la jenajn kvantojn: 0,0 g/l kaj 4,0°C? Krome, kiel diri la jenan telefonnumeron: 220-5460?

Ŝajnas, ke niaj kursoj ofte pretervidas la Esperantajn numeralojn aŭ misinstruas ilin. Aparta viktimo estas la nombro 0; la plimulto uzas ĉiam kaj senpripense la vorton *nulo*, ne konsiderante, ĉu efektive oni devus uzi numeralon aŭ substantivon.

Kiel vi esprimus la jenan kvanton: 5 kg? Ĉu *per kvin kilogramoj* aŭ per *kvino kilogramoj*? Mi supozas, ke neniu elektus la duan, malĝustan formon. Cetere, kiel vi esprimus la jenan telefonnumeron: 221-5468? Ĉu per *du du unu kvin kvar ses ok* aŭ per *duo duo unuo kvino kvaro seso oko*? Denove mi supozas, ke vi elektus la unuan, ĝustan formon.

Sed nun ni ŝanĝu la telefonnumeron al 220-5460. Tiam multaj esprimos ĝin per *du du nulo kvin kvar ses nulo*. Ŝajne ĉiuj konas la substantivon *nulo*, sed malmultaj konas la numeralon *nul*. (Se vi dubas, ke la ĉi-lasta ekzistas, konsultu bonan vortaron.) Por esprimi nombron aŭ numeron, oni uzu numeralon, do la ĝusta formo ja estas *du du nul kvin kvar ses nul*!

Laŭ la sama rezono, oni esprimu la supre menciitan temperaturon per *kvar komo nul celsiaj gradoj*. Simile, oni esprimu 0,0 g/l per *nul komo nul gramo en litro* aŭ per *nul komo nul gramo por litro*. Tamen… ĉu ne eblus uzi la multenombron: *nul komo nul gramoj*? Efektive jes, kaj ambaŭ formoj (kun ununombro aŭ multenombro) estas pravigeblaj — kvankam la ununombra formo ŝajnas al mi pli logika; detalojn vi trovos en *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko*.

Do kiam oni uzu la substantivon *nulo*? Kiam oni intencas esprimi plenan mankon, senvalorecon aŭ nenio-econ. Jen du Zamenhof-aj ekzemploj: *Ĉiuj nacioj estas antaŭ Li kiel nenio, estas rigardataj de Li kiel nulo kaj senvaloraĵo*. (Jes 40:17) *Virino estas nulo, se apud ŝi ne staras viro kiel cifero pleniganta*. (Marta)

**Francisco Stefano Wechsler**

# Kino: *La granda beleco*

**Paulo Sergio Viana**



Mi bedaŭras, ke tro malofte oni legas en la Esperantogazetaro komentojn pri kino, teatro, ekspozicioj kaj similaj eventoj tra la mondo. Ili tamen estas signifoplena parto de la moderna kulturo. Aparte kino fariĝis influa en la kampo de arto, pro sia vasta penetrado en la sinon de la popoloj.

En ĉi tiu jaro 2014, fasko da belaj filmoj furoris sur la fluganta tapiŝo de *Oscar*. Mi ŝatus ekscii la opinion de Esperantistoj pri ili. Hodiaŭ mi pritraktos unu el tiuj, kiuj speciale tuŝis min. Temas pri la verko de Paolo Sorrentino, *La Granda Beleco*. La filmo estas vere impresa, eĉ se iuj postulemaj spektantoj povus montri malperfektaĵojn. Inspirita je la konata klasika filmo de Frederico Fellini, *La Dolĉa Vivo*, ĝi tamen talente kaj atentokapte rekreis la gravan, neelĉerpeblan temon pri vulgareco en la burĝa socio. Kaj super ĉiuj strangaj, ekstravagancaj homfiguroj, kiuj aperas sur la ekrano, elstaras la rava, sorĉa urbo Romo, mirinde bela kaj kontrastanta kun la banaleco de la homoj — kaj oni sin mire demandas, neeviteble: "Ĉu fine ne estis la homoj, kiuj konstruis tian belegan urbon?"

La historio temas pri verkisto, kiu havigis al si prestiĝon per unu sola libro, kaj post jardekoj ne plu verkis alian. Li estas riĉa, sprita, eleganta, nutras bonajn rilatojn kun la tiel nomata "alta societo" — kaj vivas frivole. Li vendis sian animon al tiu burĝaro, kies vivosenco limiĝas al alkoholo, drogaĉoj, frenezaj muziko kaj danco, libera seksumado. Ili ĉiuj mensogas, ke ili estas feliĉaj. La ĉefrolulo, je sia 65-a jaraĝo, subite perceptas, ke lia vivo estas malplena, kaj en kulmina momento diras: "Kiam oni estas 65-jara, oni ne rajtas doni al si la lukson fari ion, kion oni ne ŝatas." Kaj iom post iom li ŝajnas percepti, ke li forgesis la delikatan parton de sia propra animo. Kaj ke la senco de la vivo estas fakte la serĉado de la neatingebla mistero, kiu kaŝiĝas trans la iluziaĵoj svarmantaj en la mondo: la granda beleco.



Mi parolis pri neperfektaĵoj, mi do ilin montru. La interna sinsekvo de la filmo — kiu ilustras per strangaj figuroj kaj scenoj la frenezecon de la roma societo — estas miaopinie tro longa. Iom laciga. Ankaŭ senfinaj, sensencaj dialogoj povus esti fortranĉitaj, ĉar nenecesaj: la spektanto riskas saturiĝi. *La Granda Beleco* povus esti iom pli mallonga filmo, kaj pli vigla.

Kurioza detalo: mi rekomendas al niaj legantoj, ke, se ili decidos spekti la filmon, ili devas pacience rigardi la lastajn scenojn, nome tiujn, kiuj senvorte aperas kiam oni legas la teknikajn informojn pri la verko. Normale oni forlasas la kinejon antaŭ tio. Ĉe tiu filmo, indas rigardi ĝis la fino, ĉar vi ĝuos belegajn pejzaĝojn sub la sono de belega muziko. Vere granda beleco.

## Ĉu *eksidi* aŭ *sidiĝi*?

Eĉ nuntempe kelkaj esperantistoj diskutas, ĉu oni devus eviti la verbon *sidiĝi*, anstataŭigante ĝin per *eksidi*. Ke tiu diskutado estas vana kaj arĥaika, pruvas la sekva *Lingva Respondo* de Zamenhof, publikigita antaŭ preskaŭ 108 jaroj:

*Vi estas prava: anstataŭ "sidiĝu" estus pli bone diri "sidigu vin" aŭ "eksidu", tamen ĉar la formo "sidiĝu" jam de tre longe estas uzata preskaŭ de ĉiuj Esperantistoj, tial ĝi fariĝis jam "esperantismo" kaj nomi ĝin eraro oni jam ne povas. Ne sole en naturaj lingvoj, sed ankaŭ en lingvo artefarita ĉio, kio estas uzata de la plimulto da bonaj verkistoj, devas esti rigardata kiel bona, se ĝi eĉ ne estas absolute logika; ĉar se ni postulos ĉiam nur logikon absolutan, tiam la libera uzado de lingvo artefarita fariĝos tute ne ebla, ĉar tiam malaperos ĉiu utileco de longa ekzerciĝado kaj en la deka jaro de uzado de la lingvo, kiel en la unua jaro, ĉiu devus konstante tro longe pripensadi kaj pesadi ĉiun sian vorton. Tamen la diferenco inter lingvo natura kaj lingvo artefarita konsistas en tio, ke, dum en la unua oni devas uzi nur tiujn formojn, kiujn uzas bonaj verkistoj, kaj uzado de formo pli logika estas malpermesata, — en lingvo artefarita ĉiu havas la rajton uzi formon pli logikan, kvankam neniu ĝis nun ĝin uzis, kaj li povas esti konvinkita, ke se lia formo estas efektive bona, ĝi baldaŭ trovos multajn imitantojn kaj iom post iom elpuŝos la malpli logikan, kvankam ĝis nun pli uzatan formon malnovan.* [Respondo 3, *La Revuo*, 1906, Decembro]

Notindas, ke *sidiĝi* kaj derivaĵoj aperas 238-foje en la Zamenhof-aj tekstoj ĉe la *Tekstaro de Esperanto* (`www.tekstaro.com`), dum *eksidi* kaj derivaĵoj aperas nur 3-foje (proporcio de 79:1). En la tekstoj de la aliaj aŭtoroj, *sidiĝi* aperas 729-foje, dum *eksidi* aperas 146-foje (5:1). Se enkalkuli nur la tekstojn verkitajn post 1950, la respektivaj oftoj estas 227 kaj 59 (4:1). Do *eksidi* ŝajne fariĝis pli populara ĉe modernaj aŭtoroj, tamen *sidiĝi* ankoraŭ klare venkas. Pli firman konludon oni povus tiri nur el pli vasta tekstaro de nuntempaj aŭtoroj.

**Francisco Stefano Wechsler**

# Miaj spertoj pri tradukado el Eça de Queirós

**José Dias Pinto**

Ĝis antaŭ kvar jaroj, malgraŭ mia veterana esperantisteco, mi ne provis traduki ian ajn literaturaĵon. Mi opiniis — kaj plue opinias —, ke tradukado estas malfacila tasko. Ofte malfacilas adekvate envortigi eĉ niajn proprajn ideojn, en nia propra lingvo. Des pli malfacilas interpreti la ideojn malantaŭ aliula tradukota teksto, ĉefe se temas pri literatura klasikaĵo. Pri alicirkonstancaj homoj kaj socioj, kun kutimoj, rimedoj, sintenoj, modoj, kostumoj kaj mondrigardoj diferencaj de la niaj.

Iam mi provis mian kapablon traduki malgrandan literaturan tekston, poste ambaŭlingve publikigitan en *La Lampiro*. Temis pri du paĝoj de la romano *A cidade e as serras* (La urbo kaj la montaroj), de Eça de Queirós, el kies romanoj mi legis plurajn, en mia juneco, tiutempe pli pro memtrudita devo ol pro ŝato — kaj, plezure, parte relegis maturaĝe. La elekton de la teksto certe influis mia kamparanideco kaj la rememoroj pri la infaneco kaj juneco en la kamparo. Temis pri la reveno de rafinita pariza urbano al sia origina loĝloko, kiun li trovas rave serena, gastema, en siaj naturaj koloroj kaj sonoj. Kaj tio image revenigis min al miaj tieaj infaneco kaj junuleco.

Duoble kulpas José Roberto Tenório pri mia entrepreno traduki rakontojn de Eça de Queirós. Unue pro sia laŭdo pri mia eksperimenta traduko, kaj due pro sia ideo (poste ne prosperinta) eldoni libron kun dulingvaj rakontoj de klasikaj aŭtoroj brazilaj kaj portugalaj. Pluraj aŭtoroj kaj pluraj tradukintoj, la du malsamlingvaj paĝoj fronte unu de la alia. Kaj li invitis min al partopreno. Mi legis plurajn rakontojn, ŝatis kaj elektis unu kaj komencis traduki ĝin: *Partikularaĵoj de blonda knabino* (Singulariddes de uma rapariga loura).

Tiam mi ekkonsciis pri tio, kiel supraĵe mi legis antaŭe. Nun mi ne povus preteri nebuletan teksteron, nomojn de ne plu uzataj vestaĵoj, veturiloj kaj instrumentoj — kaj moroj. Komenciĝis mia pilgrimado tra PIV (interrete — pli praktike), Houaiss (enkomputile — pli oportune). Fojfoje portugalaĵoj postulis konsulton al Caldas Aulete aŭ eĉ al la kvardekduvoluma *Grande Enciclopédia Portuguesa e Brasileira*.

La longaj kaj interplektitaj frazoj hezitigis min pri la elekto de samforma traduko aŭ ilia dispartigo al pli konciza kaj klara prezento. Laŭsistema tia agado ŝajnis al mi same maladekvata, kiel la konvencia interpunkciigo de teksto de José Saramago. Mi sekvis la konsilatan mezan vojon, sed kun plej ofta respekto al la originala formo. Ankaŭ la sinsekvajn adjektivojn, de la aŭtoro vaste uzatajn, mi kelkfoje metis unu antaŭ kaj la alia post la respektiva substantivo, se tio ŝajnis al mi signife kaj sone adekvata. Kelkfoje, per alikonstruo de la frazoj, mi

ŝanĝis la sintaksan rolon de adjektivoj kaj substantivoj, por eviti la monotonecan ripeton de akuzativo. Same pri la vortordo.

Pri leksikaj duboj mi fojfoje konsultis la enretan *Grandan Vortaron Hispana-Esperantan* de Fernando de Diego, en Interreto, kaj la *Italan-Esperantan* de Carlo Minnaja.

Ĉe la fino de tiu diligenta laboro, nia dekano de la portugala-esperanta tradukarto — Paŭlo Sérgio Viana — revizie atentigis min pri multe da stumbloj, glitoj, preteratentoj: misaĵoj. Gastiĝis en la teksto eĉ insidaj "falsaj amikoj", kiuj perfidis mian naivan memfidon de ĉiutaga parolanto de Esperanto — dum pli ol duona jarcento. Kia frustro! Tamen, kia didaktika sperto!

Ĝuste tiu sperto instigis min traduki du aliajn rakontojn: *En la muelejo* (No moinho) kaj *José Matias*. Mi uzis la samajn helpinstrumentojn, sed ĉi-foje pli atente. Mi pli bone esploris kaj ekspluatis la riĉenhavajn uzekzemplajn frazojn de Houaiss, ĉefe kiam temis pri plursignifaj vortoj, kiuj, tekstodepende, postulis diferencajn tradukojn. Ankaŭ ĉar ofte mi konis la ĉefan signifon de la vorto, sed ne ĉiujn kromsignifojn kaj nuancojn, kiujn ili povas alpreni. Tiu postulata pli profunda analizado de la originaj tekstoj faris ilin por mi pli allogaj. Kaj samtempe mi plu lernis la portugalan kaj Esperanton.



Al pli junaj kaj legemaj geesperantistoj mi sugestas veki sian tradukemon kaj elekti bonajn kaj malfacilajn tekstojn por plibonigi siajn lingvajn konojn. Pli laborpostulaj kaj temporabaj, tamen larĝe kompensaj por amantoj de ambaŭ lingvoj. Kompreneble oni ne bezonas sentime akcepti iaman defion proponitan de Paŭlo Sergio Viana: Kiu kuraĝos traduki Guimarães Rosa?

Mi estas ĉe la fina etapo de mia vivpado, tamen persistas ankoraŭ floroj kaj tie ne regas, sed kunlabore rolas rememoroj. Pro ilia bonvena stimulo, la pli junaj ĝustatempe aldonu al sia memorarkivo de plezuraj momentoj, eventoj kaj realigoj, ankaŭ la venkon super malfacilaj tradukaĵoj. Se, kiel diris Júlio Dantas en sia *La supeo de la kardinaloj* (A ceia dos cardeais), "rememori amon estas denove ami", samtiel rememori venkon estas denove venki.

*Ne ekzistas pli temporaba profesio, ol senfareco.*
*Pensi kaj fumi estas du identaj agoj, kiuj konsistas en ĵetado de nubetoj al vento.*
*Ne neglektu esti gaja — nur gajo donas animon kaj lumon al Ironio, al Sankta Ironio — kiu sen ĝi estas sole nur malplena amaro.*

*Eça de Queirós*

# Mirinda kripo en Sanpaŭlo

**Paulo Sergio Viana**



La urbo Sanpaŭlo estas trezorejo. Unu el tiuj mirindaj trezoroj troviĝas en ĝia Muzeo de Religia Arto, en la urbocentro. Viziti ĝin estas unika sperto.

Temas pri granda prezento de la kristnaska stalo, kiu konsistas el 1600 statuetoj, okupantaj pli ol cent kvadratajn metrojn. La arte konstruitaj figuroj estis kreitaj en la itala urbo Napolo, en la 18-a jarcento. Krom la tradicia sceno pri



la naskiĝo de Jesuo, ĝi montras ankaŭ diversajn urbajn metiistojn – feraĵiston, ŝufariston, barbiron, legomvendiston, kaj ankaŭ paŝtistojn, kamparanojn, objektojn, meblojn, k.s.. La aŭtoroj estis anonimaj manlaboristoj,, kune kun konataj kaj respektataj italaj skulptistoj. Ne troviĝas du egalaj figuroj.

La altvaloran artaĵon aĉetis en la jaro 1949 la riĉegulo Francisco Matarazzo Sobrinho, historia persono en la urbo,



dum la 20-a jarcento. La tuton oni ekspoziciis dum kelkaj jaroj en Sanpaŭlo, sed poste ĝi restis forgesita en netaŭgaj kondiĉoj. Dum la lastaj jaroj, aŭtoritatuloj enprenis la kripon en la menciitan muzeon, kie oni submetis ĝin al longa, zorga restaŭro. Nun eblas viziti ĝin kaj ĝui ĝian eksterordinaran belecon.

La institucio disponigas ankaŭ virtualan viziton:

`http://www.museuartesacra.org.br/pt/exposicoes/show/exposicao-virtual--cenas-do-presepio-napolitano`



# Monda pupekspozicio

La Monda Pupekspozicio okazas ĉiujare ekde 2011 en la urbo Higashikagawa kaj daŭras 9 tagojn. Ĝin organizas la Komitato de la Monda Pupekspozicio. La ĉefa motoro kaj fondinto de la evento estas S-ro Etsuo Miyoshi. Nun (2014) la kolekto kalkulas je 1.000 pupoj el 52 landoj.

La kolekto estis farita danke al Esperantistoj de la tuta mondo, homoj kun tre varia fono: juristoj, pastroj, kantistoj, politikistoj, ktp. La ĉi-jara ekspozicio estos dediĉita al Argentino. Niaj gastoj Carolina Alberici kaj Enrique Morales gvidos du-tagan atelieron pri tango.



Pupoj el Argentino

La pupoj estas montrataj en standoj kune kun afiŝoj donantaj informojn pri la devenlandoj, la sendintoj, turismaĵoj, ktp. Rigardante la pupojn oni povas fari mondvojaĝon al vere foraj landoj. La lokaj restoracioj proponas pladojn el eksterlandaj kuirartoj al la vizitantoj.

Niaj pupoj estas valoraj, pro:

• Materialo: kelkaj el ili estas faritaj el porcelano, ekzemple, kelkaj el Hungario, Pollando, Slovakio, ktp.

• Vestoj: La kroataj pupoj portas robojn faritajn el originalaj kaj tradiciaj vestoj el diversaj regionoj de la lando.

• Ornamaĵoj: kelkaj el la litovaj pupoj portas sukcenajn kolĉenojn, la polaj kolierojn el koralo, la argentinaj arĝentajn monerojn, ktp.



Pupoj el kameruno

• Historio: la pupoj el Kameruno estas vere altkvalitaj pupoj. Ili estas faritaj de artisto, kiu gvidas virinan kooperativon. La pupoj iris unue al Kubo, de kie Esperantisto portis ilin al Japanio. La pupoj el Benino, Ganao kaj Togolando estis aĉetitaj de la gvidanto de orfejo, kiu portis ilin unue al Belgio kaj de tie sendis al Japanio.

En 2013 ni kalkulis je 15.000 vizitantoj. Nia celo estas havi multe pli en 2014. De 2010 la pupsendintoj helpis aperigi en 31 landoj — jam 80-foje — raportojn en la amaskomunikiloj (televido, ĵurnaloj, radio, ktp.). La pupekspozicio estas grava iniciato en nia urbo, ĉar ni povas montri la kulturan diversecon de la homaro. Ĝi estas maniero por konigi al la vizitantoj lokajn produktojn de Higashikagawa, kio povas helpi kreskigi nian ekonomion.

Tridek volontuloj helpas en ĝia organizado ĉiujare.

`http://world-dolls-exhibition.org/index.php/about-en1/`

# Kiel vi povas lerni lingvojn efektive?

**Teddy Nee**



www.neeslanguageblog.com

Dua lingvo, ankaŭ vaste nomata fremdlingvo, helpas nin komunikiĝi kun homoj el aliaj partoj de ĉi tiu mondo. Sen la helpo de tiu lingvo, ni fariĝus absolute nekapablaj aranĝi internacian kongreson aŭ fari negocojn per internacia partnereco.

Tamen, lingvolernado povas esti tro defia por kelkaj lernantoj. Unu el la kialoj estas manko de motiviĝo, ĉar ili ne havas la ĝustan metodon por lerni la lingvon.

Pro tia kialo, mi volus prezenti kelkajn elementojn, kiujn vi devas kompreni en lingvolernado. La listo de elementoj estas montrita sube.

## 1. Frazoj

Ekzistas multaj frazoj pri ĉiutaga konversacio interrete aŭ en libroj de lingvolernado. Vi eĉ povas trovi multajn el ili ĉe libreto por vojaĝantoj.

Vi povas unue lerni la frazojn, kiujn vi versaĵne uzas ofte en realaj situacioj, ekzemple demandante pri vojo kaj aĉetante en ĉe vendejo. Krome, vi devas ankaŭ lerni la frazojn, kiujn vi ne uzas ofte, sed kiuj estas tre gravaj, ekzemple, kiam vi vizitas kuraciston aŭ policiston.

Plue, vi ankaŭ devas memori tri gravajn vortojn, kiuj helpos multe nian vivon. Ili estas "bonvolu", "dankon", kaj "pardonu". Kaj, laste, ne forgesu rideti.

## 2. Prononco

Laŭ mia sperto pri lernado de lingvoj, la plej bona metodo por prononci estas aŭskulti kaj imiti. Hispana parolanto povas prononci pli bone la vortojn Esperantajn, ĉar ambaŭ lingvoj havas la samajn prononcmanierojn[1]. Sed Ĉina parolanto eble havus malfacilecon, ĉar la Ĉina sonas tro malsimile.

Sed ne zorgu, aŭskultado multe povas helpi vian prononcon. Interreto ekzistas nuntempe kaj ankaŭ multaj retpaĝoj amuzaĵaj. Vi povas aŭskulti radion kaj spekti televidon interrete. Krome, vi ankaŭ povas serĉi denaskajn parolantojn de la lingvo, kiun vi lernas. La bona novaĵo estas, ke ĉio estas senpaga.

## 3. Gramatiko

La gramatiko kutime estas la plej malfacila parto en ĉiuj lingvoj pro la reguloj. Neniam ekzistas facila gramatiko, sed ekzistas pli facilaj gramatikoj. Unu pruvo, kiun ni havas, estas la gramatiko de Esperanto. Ĝi ne estas "facila", sed "pli facila", aŭ eĉ "la plej facila" el ĉiuj lingvoj.

Tamen, komencu de la gramatiko nur se vi volas. Vi ne bezonas komenci de la gramatiko, ĉar eble mankos al vi la motiviĝo pro la reguloj. Sed vi ankaŭ devas

memori, ke vi bezonas sufiĉan scion pri la gramatiko por skribi aŭ paroli pli bone.

## 4. Alfabetoj

Ĉiuj kursoj pri lingvo kutime komenciĝas per la lernado de ties alfabeto. Se vi jam scipovas la Latinan alfabeton, lerni la alfabetojn de lingvoj skribataj per Latinaj literoj ne estas granda problemo. Kvankam eble ili estas prononcataj malsame, tamen la prononc-diferencoj estas negrandaj[2].

La alfabetoj de kelkaj Aziaj lingvoj, kiel la Ĉina, Korea, Japana, aŭ Hindia[3], povas esti iomete malfacilaj por la parolantoj de lingvoj, kiuj uzas Latinajn literojn. Tamen, vi povas sukcese lerni la alfabetojn en nur kelkaj tagoj.

## 5. Metodoj

Ĉiuj lernantoj lernas lingvojn per multaj metodoj. Kelkaj lernantoj bezonas skribi multe dum la lernado, aliaj bezonas legi multe por lerni pli bone. Vi ankaŭ povas ŝanĝi la metodojn surbaze de la nivelo kaj de la lingvo. Ekzemple, vi bezonas aŭskulti multe, lernante la Ĉinan, ĉar la Ĉina havas kvar tonojn, kaj vortoj kun malsamaj tonoj signifas malsame.

Per la la interreto, vi lernos pli rapide kaj pli amuze. Vi povas ĝui amuzaĵojn en radio kaj televido interrete, kiel filmojn kaj kantojn. Ankaŭ vi povas serĉi amikojn por lerni kune. La amikoj povus esti denaskaj parolantoj aŭ lernantoj de la sama lingvo.

Krome, ekzistas ankaŭ multaj senpagaj ekzercoj, libroj, kaj aliaj referencoj interrete. Vi nur devas trovi ilin kaj komenci vian lernadon. Se vi ŝatas legadon, vi povas lerni legante novaĵajn retpaĝojn. Vi ne nur lernos vortojn, sed vi ankaŭ informiĝos pri la lastatempaj novaĵoj.

## 6. Adapto

Se vi havas la oportunon iri al lando, kie la homoj parolas vian cellingvon, iru tien. Adapti sin al la lingvo estas unu el multaj bonaj metodoj, kaj ĝi estas tre grava por la kresko de via lingva nivelo. Tamen, vi bezonas havi sufiĉe da mono kaj tempo por iri kaj vivi en fremdlando.

Ne zorgu, se vi ne havas la monon aŭ tempon, vi povas krei ilin. Kiam vi estas hejme, vi povas kuiri la manĝaĵon de la popoloj de tiu lingvo. Krome, vi povas legi, aŭskulti, skribi, aŭ paroli tute en tiu lingvo interrete.

## 7. Atestilo

Vi ankaŭ povas konsideri la partoprenon en ekzameno por atestilo. Tamen, ekzistas atestiloj nur por kelkaj lingvoj. Ekzemploj de ĉefaj atestilaj ekzamenoj estas tiuj por la Angla, Ĉina kaj Hispana. Krome, ili ekzistas ankaŭ por la Esperanta, Germana, Japana, kaj Korea.

La ekzamena materialo estas speciale projektita por lernantoj. Do, ankaŭ estas bona ideo lerni per tiuj ekzamenaj materialoj. Krome, vi ankaŭ povas ekkoni vian nivelon en la lingvo.

## 8. Kuraĝe erari

Ĉiuj personoj lernas per eraro. Mi faris erarojn, kaj ankaŭ vi. Do, fari eraron kutime ne estas malbona afero, se vi lernos ion per ĝi.

Se vi ne scias kiel oni diras iun vorton, vi povas diri similan vorton. Se vi ne scias ĝin certe, simple diru, kion vi havas en via menso. Ne timu fari eraron, se vi povas lerni per ĝi.

Memoru, ke ĉiuj personoj lernas en malsamaj manieroj. Unue, vi bezonas serĉi kaj provi la metodojn por trovi la plej konvenan por vi. Vi ankaŭ povas ŝanĝi ĝin al alia, kiu verŝajne helpos vin pli efike. Finfine, ĝuu vian lingvolernadon.

Notoj de la ĉefredaktisto:

*Tiu ĉi teksto spegulas la vidpunkton de Indoneziano el Ĉina etno. Kelkaj asertoj probable trafos Eŭroplingvanojn kiel strangaj aŭ eĉ malĝustaj. Kvankam respektante la kulturajn diferencojn, tamen pri tri el tiaj punktoj mi devas komenti per la ĉisubaj notoj:*

[1]Fakte Esperanto posedas naŭ fonemojn, kiuj striktadire ne ekzistas en la Madrida varianto, nome tiujn reprezentatajn per la Esperantaj literoj *b*, *c*, *d*, *h*, *ĵ*, *ŝ*, *t*, *v* kaj *z*. Kaj la Kastilia posedas plurajn aliajn fonemojn, kiuj ne ekzistas en Esperanto. Krome, proparoksitonaj vortoj ja ekzistas en la Kastilia, sed ne en Esperanto. Do la Esperanta prononcado multe pli diferencas disde la Kastilia, ol supozas la aŭtoro.

[2]Efektive tiaj diferencoj en prononcado ja povas esti vastaj, almenaŭ por kelkaj literoj.

[3]Alfabeton propradire uzas nur la Hindia kaj la Korea. La Ĉina uzas du ideogramarojn (la tradician kaj la simpligitan), kvankam ankaŭ ekzistas la pinjino, kiu celas reprezenti la Ĉinajn sonojn per Latinaj literoj. La Japana siavice uzas la Ĉinajn tradiciajn ideogramojn, plus du simbolarojn por specialaj celoj. Lerni ideogramojn postulas multe pli ol “kelkajn tagojn”!

La 1-an de Junio okazis en la urbo Loreno, ŝtato Sanpaŭlo, unu plia Renkonto de Esperantistoj en la Paraiba Valo. Kunsidis pli ol kvardek homoj el deko da urboj el tri ŝtatoj. De la naŭa ĝis la dek-sesa kaj duono ĉiuj kunvenis ĉe la Kulturdomo de Loreno. Aleksandro Prado prelegis pri rimedoj por havigo de flueco en fremda lingvo — inkluzive de Esperanto. Antaŭ la tagmanĝo, la grupo promenis tra la urbocentro portante Esperantan flagon kaj rubandojn, disdonante centojn da flugfolioj — kaj vizitante historiajn konstruaĵojn. Posttagmeze, oni aŭskultis *Guton da gramatiko* kaj paroligan ekzercon per filmeto (sub la gvido de José Roberto Tenório). Sekvis informoj fare de Givanildo Ramos Costa, Alan Argolo kaj José Roberto Tenório. Poste prelegis Maria Nazaré Laroca pri la temo Ĉu poezio estas necesa? kaj Francisco S. Wechsler, pri la revuo *Brazila Esperantisto*. La proksima Renkonto en la Paraiba Valo okazos en Oktobro 2014, en la ŝtato Rio-de-Ĵanejro.



# Sciencо

## La universo herezas — trovita planedo, kiu povus enhavi vivon

http://www.estadao.com.br/noticias/vida,astronomos-descobrem-que-exoplaneta-tem-dia-de-apenas-8-horas,1160771,0.htm



Estis tempo, kiam akcepti la eblecon, ke ekzistas aliaj mondoj kun homoidoj, estis terura herezo, kiu certe kondukus esploriston en brulŝtiparon. Tiam la religio devigis, ke oni nepre akceptu, ke sole nur nia sensignifa Tero enhavas vivantojn.

Tiu "veraĵo" pli kaj pli alproksimiĝas al la fino. Oni jam trovis en la universo preskaŭ du mil planedojn, kompreneble tute malsimilajn al la nia. Lastatempe, tamen, planedo rondiranta stelon Kepler-186, treege for de nia suna sistemo, montriĝis al teleskopo kiel tre simila al la Tero. Ĝi situas je distanco ekvivalenta al nia distanco de la suno kaj teorie povas enhavi akvon — kio estas kondiĉo por vivo. Ĝi havas proksimume la saman grandecon de la Tero kaj la lumo de Kepler-186 atingas ĝin pli-malpli kiel la suna nin atingas. La scioj de astronomoj pri la nova "kuzo" de la Tero estas kompreneble ankoraŭ tute nesufiĉaj por ia serioza aserto. Tamen, se oni konsideras la grandecon de la universo, oni rajtas supozi, ke trovo de vera "ĝemela frato" de nia Tero, eventuale kun hometoj sur ĝi, komencas aspekti kiel realaĵo. Ni atendu iomete.

## La geografio de scienco ŝanĝiĝas

Evoluantaj landoj komencas elstari kiel publikigantoj de sciencaj artikoloj: https://www.google.com.br/search?q=imagens+de+pesquisa+cientifica&tbm=isch&tbo=u&source=univ&sa=X&ei=_uNuU9-jKoHMsQTAo4C4AQ&ved=0CDoQsAQ&biw=1280&bih=699



Dum multaj jaroj la monda scienco estis "dupolusa": la precipaj produktantoj de sciencaj esploroj kaj sciencaj artikoloj estis Eŭropo kaj Nordameriko. Tiu geografio lastatempe ekŝanĝiĝas. Evoluantaj landoj komencas elstari kiel sciencoproduktantoj. Precipe Ĉinujo, kiu dum dek jaroj evoluis de la oka al la dua plej granda produktanto de sciencopublikaĵoj en la mondo. Tion informas raporto pri Efikeco en Scienco kaj Teknologio de G20, same kiel usona grava fondaĵo en tiu sektoro. Inter la jaroj2001 kaj 2011, la kvanto da tiaj publikaĵoj pliiĝis de 21 mil al 90 mil artikoloj.

Ankaŭ Brazilo montras signifoplenan progreson en la kampo de scienco. Kvankam kvante nia lando ankoraŭ postrestas kompare kun aliaj landoj, tamen la influo de la brazila sciencoprodukto ne estas multe malantaŭ la ĉina. La granda defio nun estas ne nur plimultigi la sciencajn esplorojn en nia lando, sed ankaŭ produkti konojn gravajn por la socio kaj por

la scienca mondo. En Brazilo, ŝtato Sanpaŭlo estas la plej kompetenta rilate sciencan esploradon.

## Manko de korpekzercoj estas eĉ pli damaĝa ol tabakfumado

http://nadafragil.com.br/sedentarismo/



Kormalsanoj estas plej oftaj kaŭzoj de morto inter homoj. Diversaj faktoroj kontribuas al malsaniĝo de la koro: alta sangpremo, obezeco, tabakfumado, medimalpureco kaj manko de korpekzercoj listiĝas inter la plej gravaj. Tamen, estas malfacile statistike pruvi, kiu inter ili estas la plej danĝera, pro la granda varieco de influantaj faktoj.

Lastatempe, sciencistoj evoluigis statistikan kalkulon por difini la riskojn. La unua eltrovo estis, ke la riskofaktoroj varias je intenseco, laŭ la aĝo de la pacientoj. La dua, kaj plej surpriza eltrovo, estas, ke manko de korpekzercoj proporcie alportas pli da risko al la koro ol fumado, post la aĝo de 30 jaroj. Memkompreneble, ĉi tiu lasta eltrovo ne estu stimulo al fumado, male — tabakfumado estas nepre evitinda risko. La homoj konsciiĝu nur, ke tro longa sidado antaŭ televidaparato kaj sur aŭtomobila benko estas serioza bojkoto al la kompatindaj respektivaj koroj.

## Ebrieco en viroj kaj virinoj

http://revistapesquisa.fapesp.br/2014/05/15/embriaguez-de-homens-e-mulheres/

Kiu pli rezistas kontraŭ la efiko de alkoholaĵoj, ĉu viroj aŭ virinoj? Tio dependas de la drinkaĵo.

Eksperimento kun vir- kaj inseksaj volontuloj montris, ke la engluto de distilitaj drinkaĵoj fare de la viroj — viskio kaj kanbrando — kaŭzis pli rapidan altiĝon en la sangaj alkoholniveloj ol fermentitaj drinkaĵoj.

En la virinoj, biero kaŭzis la plej malaltajn nivelojn de sangalkoholo dum la seshora daŭro de la eksperimento, kaj kanbrando kaŭzis nivelojn multe pli malaltajn ol vino. Viskio kaŭzis la plej altajn nivelojn en ambaŭ seksoj.



Ĉiu volontulo, kiu partoprenis la eksperimenton rajtis provi ĉiujn drinkaĵojn, kun po unusemajna intervalo. Oni ĉerpis ok mililitrojn da sango post 12-hora dumnokta fasto. La partoprenantoj disponis duonhoron por konsumi la norman dozon da alkoholo (0,5 mg/kg da korpmaso). Tiam oni ĉerpis la duan sangospecimenon kaj la postajn specimenojn je ĉiu sekva horo ĝis la sesa horo post la komenco. Atinginte maksimuman valoron, la koncentriĝo de alkoholo en la sango revenas malrapide al sia normala valoro, kaj tio dependas de la speco de drinkaĵo.

# Esperanto riĉas je prihomaj historioj...

**Titolo:** Historio de UEA
**Aŭtoro:** Ziko van Dijk
**Eldonejo:** Espero, Slovakio 2012
**Formato:** 369 paĝoj, 24cm, 576g
**Prezo**: R$ 44,92 (plus sendokosto)
Adapto de doktoriga disertajo tradukita el la germana de la aŭtoro mem.

**Titolo:** Sed homoj kun homoj
**Aŭtoro:** Ziko Marcus Sikosek
**Eldonejo:** UEA - Roterdamo, 2005
**Formato:** 197 paĝoj, 24cm, 410g
**Prezo**: R$ 38,40 (plus sendokosto)
Ilustrita rigardo super la ĉefa kaj plej granda regula renkontiĝo de esperantistoj.

**Titolo:** La danĝera lingvo
**Aŭtoro:** Ulrich Lins
**Eldonejo:** Progreso - Moskvo, 1990 (2a eld.)
**Formato:** 568 paĝoj, 20cm, 598g
**Prezo**: R$ 67,20 (plus sendokosto)
Dokumentita historio pri atakoj kontraŭ la E-movado fare de diktatorecaj reĝimoj.




easp
Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

easp.org.br/butiko





# Librovendejo

easp

Esperanto-Asocio de San-Paŭlo





easp.org.br/butiko